ESPERANTISTO SLOVAKA

Redakcio kaj administracio: T. S. MARTIN, Slovakotour, ČSR-Slovakujo
V-a JARKOLEKTO • OKTOBRO 1950 • NUMERO 10

*D-ro Ján Tibenský:*

# Georgo Fándli

(1750—1950)

Antaŭ 200 jaroj, la 21-an de okt. 1750 naskiĝis el malriĉegaj servutulaj gepatroj en la vilaĝo Častá (ĉe la urbeto Modra, en sudokcidenta Slovakio) Georgo Fándli. Li fariĝis la unua granda defendanto kaj helpanto de la tiam ege mizera kaj ekspluatata slovaka popolo, kaj fervorega batalanto por ĝia materia kaj spirita levigo.

Georgo Fándli fariĝis katolika pastro. Ekde la jaro 1780 ĝis 1807 li funkciis en Nádaš (apud Trnava, sudokcidenta Slovakio). Dum sia tuta vivo li restis malriĉa kaj lia paroĥejo estis tiel kaduka, ke ĝi ĉiam minacis lin per malkonstruiĝo. Sed malgraŭ sia tre malĝojiga materia stato Fándli ĉiam fervore laboris pri la levigo de la slovaka popolo.

La progresema imperiestro Jozefo II-a (1781-1792) abolis en 1785 la servuton, t. e. la personan sklavecon de la laborantaro. Sed kvankam la iama servutulo nun estis libera persone, tamen li restis ekonomie dependa de la grandsinjoraro ĝis 1848. Ĝis tiam la kampoj, kiujn la terkulturisto kulturadis, apartenis ne al li, sed al la grandsinjoro (landestro). La subigito havis pri ĝi ne posedan, sed nur uzan rajton (la rajton de uzo) kaj de ĉio, kion la de li kulturata tero produktis, li devis enliveri al la landestro la naŭan parton — la naŭon-depagon. Krom tio la subigito pagis ĉiujn impostojn, ĉar la nobelaro estis libera de tiu ĉi devo. Kompreneble, sekve de tiagrada ekspluatado restis al la terkulturisto pro la malprogresintaj terkulturistaj produktmanieroj nur malmultege kaj li malsatadis, suferis pro mizerego kaj nur vivaĉis.

Fándli plene konsentis pri la reformoj kaj la eklezia politiko de Jozefo II-a. Kiam tiu ĉi decidiĝis malplialtigi la nombron de monaĥejoj, ja kelkajn ordenojn tute disigi, la katolika parto de la loĝantaro ege ekscitiĝis. Por forigi la miskomprenon Fándli aperigis sian verkon

*„Intima interparolado de monaĥo kun diablo“* (4 volumoj), en kiu li klarigis detale la kialojn de la decidoj de la imperiestro. Kiel ĉefaj kialoj estas menciataj la abandono de la iamaj unuaj ordenaj principoj kaj precipe la riĉegeco de la monaĥejoj.

Post la morto de Jozefo II-a la nobelara reakcio prepariĝis nuligi la privilegiojn, kiujn li donis al la regnatoj. La popolo ribeladis, en multaj lokoj ekestis revolucioj. En tiu ĉi, por la slovaka popolo tiel malfacila situacio decidiĝis Fándli malobei al la malpermeso de siaj ekleziaj aŭtoritatoj kaj publiki sen ĝia permeso libreton por helpi kaj defendi la regnatojn. Ĝi estis ne ia instigo al revolucio, sed nur kolekto de leĝoj, kiujn la regnatoj povis uzi por defendi sin. Sed lia kolego-pastro trovis la manuskripton en la presejo kaj Fándli estis kondamnita pasigi tri semajnojn en la monaĥeja karcero, ricevante kiel manĝaĵon nur panon kaj akvon.

Ni povas senhezite nomi Georgon Fándli ankaŭ „la unua nacia reviviganto“. Vidante, ke li estas malforta por batali sola kontraŭ la eklezia hierarĥio, li decidiĝis helpadi la nacion alimaniere. Li skribis sian okvoluman (aperis nur kvar) verkon *„Diligenta hejma kaj surkampa mastrumisto“* kaj poste ankaŭ aliajn verkojn, kiel ekz. *„La senkulturaj kampoj kaj abeloj“*, *„Slovaka abelbredisto“*, *„La kono pri sanigaj herboj“*, *„Pri malsanoj kaj kuracado de brutaro“* ktp. En tiuj ĉi libroj li prezentis al la popolo la plej novajn rezultojn de progresema terkulturo, per ili volis Fándli enkonduki ĉe la popolo pli perfektajn kaj pli fakajn produktmanierojn kaj tiamaniere plialtigi ĝian vivnivelon. Kompreneble, li devis batali kontraŭ la vilaĝana malfido kaj konservativismo, kiujn li en siaj libroj ofte severe kritikas kaj kondamnas.

Krom tiuj ĉi science-popularigaj libroj skribis Fándli ankaŭ verkojn historiajn (*„Mallonga historio de la slovaka popolo“* ktp.) kaj religiajn (*„Okazaj kaj festotagaj predikoj“* ktp.). Ĉiuj ĉi libroj estis skribitaj en la nova, de Antonio Bernolák enkondukita popoldevena literatura lingvo, kies Fándli estis fervora adepto kaj pri kies disvastigo li per siaj libroj multe meritiĝis. Skribante en tiu ĉi popola, al ĉiu konata lingvo, li popularigis la legadon kaj memklerigon inter vastaj popoltavoloj.

Fándli kredis, ke nur tiu popolo povas fariĝi spirite libera, kiu antaŭe liberiĝos materie. Tial li volis instrui al sia popolo pli bonajn produktmetodojn,ke tiel plialtiĝu ĝia viv-nivelo. Li postulis, ke estu fondataj lernejoj por terkulturistoj, ke la landestroj subtenadu kaj kuraĝigu la

enkondukadon de novaĵoj en terkulturadon, ja li postulis eĉ fondadon de „fabrikoj" (manfarejoj) en vilaĝoj, kie la malriĉegaj vilaĝanoj povus perlabori ion, precipe dum la vintro. Sed Fándli trapasis la ekonomian kadron de sia „Diligenta mastrumisto" kaj alvokas la „kristanan kaj homan sentojn" de la grandsinjoroj kaj postulas de ili justecon kaj plifaciligojn por la kampistaro. En unu el siaj aliaj verkoj, kiu estis konfiskita, ni povas legi jenon:

*„Ili (la kampistoj) estas tiuj, kiuj donas la forton al la reĝo, al la soldato, al la pastro; ili zorgas kaj laboras por ĉiuj kaj devus tial esti amataj, estimataj kaj en mizero subtenataj. Kaj do kiu helpu al ili? Kiu do subtenu la mizerularon? La terposedantoj, la landsinjoroj devas tion fari, ĉar antaŭ ĉio ili mem rikoltas la profiton el la laboro de tiuj ĉi senkampuloj. Sed ĉu ne ankaŭ la pastroj? Jes, ankaŭ tio, kion tiuj ĉi posedas super siaj bezonoj, estu disdonita inter la mizerularo . . ."*

Georgo Fándli per sia inklino al progresemaj ideoj, per sia diversflankeco, elasteco de sia pensado, praktikeco kaj labora entuziasmo grandskale superis siajn slovakajn samtempulojn.

*Esperantigis EVT.*

*Vladimír Roy:*

# *Aŭtunaj fagoj*

*Kie estas, fagoj, via foliaro?*
*Ĝin forblovis ventoj ĝis al fora maro.*

*Kaj la alaŭdeto — kie ĝi nun nestas?*
*Cu ĝi flugis foren, aŭ jam morta estas?*

*Kie estas mia mondo elrevita?*
*Mia koro ne plu estas viv-ravita . . .*

*Ne plu flamas arde brust' malsana mia —*
*ne plu brilos por ĝi printemp' sunradia . . .*

*Ho, ekmuĝu valoj, arbar' senfolia,*
*ĉar ja doloregas trista koro mia!*

*El la slovaka tradukis EVT.*



La monumento, starigita je la memoro de la batalo ĉe Dukla.

*J. Havas:*

# *D U K L A*

*Sur larĝa ŝoseo ni proksimiĝas al la celo. Sur la montosupro estas jam de malproksime videbla giganta monumento, ĉielen altiĝanta, kvazaŭ averta fingrego. Kelkajn momentojn ankoraŭ, kaj la veturilo haltas ĝuste sub la montospinlinio, kie blazontabulo anoncas, ke ni staras ĉe la slovaka-pola landlimo, nomata Dukla-pasejo, sur sangsaturita scenejo de du mondmilitoj kaj per suferoj sanktigita scenejo de la slovaka historio.*

*La funebre fama nomo Dukla apartenas al pola urbeto, situanta 17 km-ojn de la ĉeĥoslovaka landlimo kaj signifas en la militista historio grandarean monto-valan komplekson en la 80 km larĝa montarzono, nomata Orientaj Beskidoj. Ĉi tiu plejparte arbarkovrita regiono estas regata de unusola interliga ŝoseo. La kruciĝo de ĉi tiu ŝoseo kaj la flu-disiga montoĉeno formas do kvazaŭ pordegon de lando al lando, kaj estis 30 jarojn post la unua mondmilito denove atakita.*

*Kelkcent paŝojn de la novefondita muta „urbeto de mortintoj", post la 500 metrojn alta supro de la pasejo, jam sur pola teritorio, la pejzaĝo impresas kvazaŭ dezerto. Kontraste al la flegita slovakuja ŝoseo, ĝia daŭrigo serpentumas kiel malzorgata striego sur la korpo de Tero. La kampoj ambaŭflanke estas depost la milito nekultivataj, plejgrandparte eĉ ne alireblaj pro min-danĝero. En la milito ruinitaj arbaretoj, en la malproksimo forbruligitaj domoj kaj vilaĝetoj — kaj ĉe la limbarilo sola maljuna polo (iama strat-zorganto) atestas, ke iam ankaŭ en tiu forlasita landparto pulsis homa vivo kaj kulturo. Je mia demando la mallaŭtvoĉa veterano klarigis, ke ankoraŭ ne venis la tempo por rekonstrui kaj rekoloniigi ĉi tiun montarregionon. „Mia patrujo", li diris, „eksterordinare multon suferis, kaj ni poloj antaŭ ĉio klopodas resanigi nian enlandon, la ĉefurbon, niajn industriajn centrojn. Dukla nombras nun apenaŭ kvaronon de sia antaŭa loĝantaro, en aliaj al la limo pli proksimaj vilaĝetoj krom gardistoj apenaŭ iu vivas. Rigardu tiujn sporadajn krucojn sur la apudvojaj kampoj. Ankoraŭ neniu kuraĝis esplori, ĉu poloj aŭ alinacianoj ripozas tie. La tereno estas plensemita de minbomboj, inter kiuj nur laŭplanaj vojetoj kondukis al la iamaj germanaj pozicioj". Revade li ĉirkaŭrigardis kaj flustre aldonis: „Eble ankaŭ miaj filoj sammaniere trovis sian eternan pacon."*

*Heziteme li returniĝis kaj per malrapidaj paŝoj ekiris en la malesperigan dezerton.*

*Dukla, la montotrairejo ricevis apartan signifon dum la dua mondmilito, ĉar ĉi-loke postulis la slovaka porlibereca ribelo la plej grandajn oferojn. Somere de la jaro 1944 la sovjeta Ruĝa Armeo en sia nehaltigebla antaŭenmarŝo repuŝis la germanan armeon ĝis al la norda dekliv-piedo de Orientaj Beskidoj, alproksimiĝinte tiamaniere al la slovaka landlimo je 35-40 kilometroj. En tiu ĉi marŝo partoprenis ankaŭ la I-a eksterlanda ĉeĥoslovaka arme-korpuso kaj gloriĝis poreterne en la sekvintaj militaj operacioj, estante unu el la ĉefrolantoj en la grandioza bataldramo.*

*Laŭ decidoj de la plej supera stabo la 8-an de septembro 1944 ĉe Krosno, proksimume 40 km norde de Dukla, ekmoviĝis la I-a Ukraina Armegrupo kune kun la ĉeĥoslovakaj formacioj. La naturaj bariloj en fortikaĵojn aliformigitaj, la persista defendado de ĉiu peco de tereno malrapidigis la enpenetron tra la montara regiono al la pasejo Dukla kaj postulis dum la preskaŭ 70 tagojn daŭrintaj interbataloj 84 milojn*

*da falintoj, vunditoj kaj kaptitoj, ne enkalkulite la perdojn de la defendintoj. Multaj miloj da ĉeĥoslovakaj soldatoj ne ĝisvivis la finvenkon kaj pagis por liberiĝo kaj bono de la posteuloj per la plej alta valoro: sia vivo. Same dankinda kaj neniam forgesota estas la frata sinofero de la parencaj nacioj sovjetaj kaj ĉiuj iliaj kunhelpantoj.*

*Per okupo de la pasejo kaj spinlinio ankoraŭ ne finiĝis la operacioj; ankaŭ la deirvojoj devis esti paŝon post paŝo liberigitaj. Ĉiu arbetaro, piniogrupo, fosaĵlabirintoj, eĉ vojetoj de cervoj estis aparte defenditaj kaj atakitaj. Unu el la multaj kunpuŝiĝoj okazis en la t. n. „Valo de la Mortintoj," en Kapišová. Ĝi estas flanka valeto, kun kelkaj apudvojaj dometoj kaj tiutempe forbruligita segejo. La sovjeta armeo per penega ĉirkaŭbraka manovro per apenaŭ uzeblaj arbaraj vojetoj enpenetrigis en tiun valon kelkajn taĉmentojn kun tankoj kaj de tie intencis dorsenataki sian kontraŭulon. En la valo ekestis akra interbatalo, en kiu malvenkis la antaŭenŝovitaj grupoj. Kiu scias, ĉu vivas eĉ unu partopreninto de tiu ĉi „epizodo", sed mutaj atestantoj ĝis nun esprimplene rakontas pri ĝia krueleco. Ruinaĵoj, apudvoje rustiĝantaj malfunkciigitaj tankoj, amasetoj da ankoraŭ ne forigita municio, bomboplugitaj herbejoj, sur la deklivoj mortaj arbarstrioj kun frakasitaj trunkoj kaj forrazitaj foliarkronoj konfirmas, ke ankaŭ ĉi tiu iam forgesita kvieta ter-anguleto fariĝis sangoaspergita scenejo de militaj teruraĵoj.*

*Ses jaroj pasis de la tempo, kiam la ĉi tiea regiono denove enskribiĝis en la libron de la diaĵo Marso. Dum la ses jaroj la naturo jam kovris multajn vundojn per herbo kaj musko kaj por ĉiam kaŝis en sia sino milojn da sennomaj falintoj. Ilia memoro iom post iom eble paliĝos en la koro de la postlasitaj proksimuloj, sed neniam ĝi estos forviŝita el la animo de la tuta nacio, por kies estonteco ili sin oferis. La Duklatombejo, la monumento, la „Valo de Mortintoj" kaj tiuj centoj kaj miloj da kreskaĵoj, reviviĝintaj el ilia polvo devas fariĝi rezervejo, kie oni povos ĉiam kaj denove konfirmi la sanktan decidon:* Forigi la sangelverŝajn batalilojn kaj neniam plu ekmiliti!

*Venu al ĉi tiu pilgrimejo ĉiu senkuraĝulo, sed ankaŭ ĉiuj spekulaciemaj gvidantoj de la homara sorto kaj planantoj de nova mondmilito. Venu ili ĉi tien, por povi konsciiĝi, ke la unusola savo kaj plej arda sopiro de la homaro estas vivi en eterna* P A C O.

---

*Martin Benka:*

# Pri la slovaka arto

## IV.

La mizero por la slovakaj arto kaj artistoj daŭris plu. En la dua duono de la XIX. jarcento sur kampo de la slovaka arto aperas pentristo *Jozef Hanula (1863—1943)*. Ankaŭ li, kiel la ceteraj slovakaj artistoj, ne povis sin vivteni el sia arto. Por povi nutri sin mem kaj sian multmembran familion, li entreprenadis diversajn laborojn. Li pentris preĝejojn, instruis en lernejoj pri desegnado, gramatiko, matematiko, funkciis kiel redaktoro, ktp. En siaj bildoj preĝejaj li uzis popolecajn motivojn. Multajn portretojn, pentritajn en stilo realisma, li postlasis.

Al Joz. Hanula aliĝas skulptisto *Ján Koniarek (1878—)*. Ankaŭ lia vivovojo estas interesa. La skulptarton li studis en Budapest kaj en Akademio de l' Arto en Romo (Italio). Foririnte el Romo li denove eklaboris en Budapest ĉe proferoro kaj skulptisto Al. Strobl. Fininte la soldatservon, li forvojaĝis al Germanujo sed ekankris en Beograd (Jugoslavio). Kaŭze de la mondmilito li devis reveni hejmen kaj soldatservi denove. Hejme lin atendis surprizo malagrabla: oni arestis lin kaj enkarcerigis kiel spionon. En la milito li estis vundita kaj kun piedoj absceskovritaj oni transportis lin en malsanulejon. Post la resaniĝo li laboris en sia profesio kaj en 1941 li fariĝis profesoro de Teknika Altlernejo en Bratislava. Multaj verkoj de Ján Koniarek restis en fremdaj landoj. En Slovakujo li havas monumentajn verkojn, motive kaj arte valorajn en klasika stilo. Multaj premioj kaj ordenoj atestas pri lia artverkaro. Ankoraŭ li vivas en Trnava apud Bratislava, kie li laboras plu super sia vivoverko.

Al tiuj ĉi du artistoj oni povas kalkuli ankoraŭ artistojn, kiuj venis en Slovakujon en tempoj de impresionismo kaj secesionismo, ĉar ankaŭ la supre nomitajn artistojn parte trafis tiuj ĉi ismoj. En tiun ĉi tempon ni povas envicigi pentrartiston *Július Peter Kern (1881—)* el Lipt. Sv. Mikuláš (centra Slovakujo). Artedukon li akiris en Budapest (Hungario). Liaj verkoj, precipe pejzaĝpentraĵoj kaj preĝejaj freskobildoj, havas elementojn de la du menciitaj ismoj. Belajn portretojn li pentris en klasika stilo. En nuna tempo li estas konservisto de antikvaj bildoj. Li vivas kaj laboras en sia naskiĝvilaĝo Močiare, ne malproksime de Lipt. Sv. Mikuláš.

Pentristo *Gustáv Mallý (1879—)* apartenas pli al impresionisma skolo, kvankam liaj unuaj pentraĵoj havas secesionismajn elementojn. Li studis en Praha kaj en Dresdeno (Germanujo) kaj la influoj de tiuj ĉi lernejoj estas rimarkeblaj en liaj verkoj. Por serĉi feliĉon li elmigris Usonon. Post reveno el Usono li trovis potencan modelon en pentraĵoj de moravia slovako *Jožo Úprka,* kiu pentris bildojn el la vivo de moraviaj slovakoj. Sed Mallý iris plu, serĉante longe proprajn vojojn por sia arto. Li eksperimentis en novaj direktoj de ekspresionisma skolo. Post la unua mondmilito li fondis propran, privatan artlernejon en Bratislava. En la lernejjaro 1940—41 li fariĝis profesoro de Teknika Altlernejo en Bratislava, kie li deĵoras ĝis nun. La ŝtato honorigis lin per premio.

Ni menciu nun artpentristojn *Milan Mitrovský (1875—1943)* kaj Karol Lehotský, kiel pentristojn-filozofojn. Mitrovský studis en Praha kaj en Italio, tie ĉi precipe en Firenze. Ĉi-urbe li trovis sian „dion" en Tiziano Vecelli. Mitrovský estis homo tre sent-ema, preskaŭ sentimentala kaj bona konanto de filozofia literaturo. Krom pentrado li ankaŭ verkadis. Por lia plej bela novelo „Pani Helène" li estis honorigita per ŝtata premio. En pentro li postlasis multajn portretojn kaj komponaĵojn laŭ maniero de renesancaj majstroj, desegnaĵojn kaj kopiaĵojn. Li vivis kaj mortis en Turčiansky Sv. Martin.

*Karol Lehotský (1879—1929)* pentristo, ne malpli sent-ema homo ol Milan Mitrovský. La pentrarton li studis en Praha, Vieno, poste li vivis kaj laboris en Beograd, Zagreb, Novi Sad kaj alie en serbokroataj kaj slovakaj regionoj de Báčka (tiutempa suda Hungario).

Lia arto havas spiritualismajn trajtojn tiel en sujeto kiel ankaŭ en enhavo. Li fariĝis tolstojano kaj kristano en la plej nobla senco de la vorto. Al la portretoj, kiujn li pentris, li donis ĉiam spiritecon.

Samtempe kun tiuj ĉi artistoj vivis kaj laboris en Slovakujo ĉehaj artistoj *Jaroslav Augusta* kaj *Emil Pacovský,* eĉ jugoslavo *Ivan Žabota.* Tiuj ĉi artistoj kune kun Jozef Hanula, P. J. Kern, Gustáv Mallý kaj Milan Mitrovský fondis la unuan slovakan societon de artistoj sub nomo „Grupo de Slovakaj Artistoj" en Žilina. Post aranĝo de kelkaj ekspozicioj la grupiĝintaj artistoj disiris. Em. Pacovský forvojaĝis al Praha, Jar. Augusta slovakiĝis kaj ĝis nun instruas en gimnazio en Banská Štiavnica. Ivan Žabota vivis en Bratislava kaj ankaŭ tie li mortis en jaro 1939.

Slovakaj skulptartistoj krom F. Janček kaj Ján Koniarek en tiuj ĉi memorindaj tempoj ne estis, mankis ja eĉ eminentaj arkitektoj. Troviĝis nur unu-du, kiujn oni povas envicigi en la evoluon. Unualoke staras arkitekto *Dušan Jurkovič (1868—1947)*. Dušan Jurkovič projektadis kaj konstruadis laŭ la popolaj lignodomoj kaj tiun ĉi konstrumanieron li propagandis por krei slovakan konstrustilon, li intencis uzi tiun konstrumaterialon da kiu la slovakaj montoj kaj arbaroj havas sufiĉe. Sed la artevoluo estis pli forta ol lia volo, li ne povis venki kontraŭ ĝi Liaj lignokonstruaĵoj ja estas veraj artverkoj. Plej multe da ili troviĝas en banlokoj slovakujaj, en Moravio sur altaj montoj kiel resanigejoj, k. s. Krom lignodomoj li konstruis ankaŭ artvalorajn ŝtontombegojn kiel tiu ĉe Brezová pod Bradlom, konstruita por slovaka heroo de la unua mondmilito: generalo Dro M. R. Štefánik, eminenta astronomo slovaka, bone konata de tutmondaj sciencistoj. La tombego estas grandega kaj majesta, heroldanta gloron de D. Jurkovič kaj tiun de M. R. Štefánik.

Arkitekto *Milan Harminc (1869—)* konstruis en Hungario precipe multe da preĝejoj. Li ne estis ja nur konstruisto, sed ankaŭ granda mecenato de ĉiuspecaj artbezonoj de sia slovaka nacio. Ĉe li en Budapest, kie li vivis antaŭ la unua mondmilito, slovakoj trovis ĉiam varman kaj amikan azilon. Li mem helpadis en slovakaj societoj ne nur kiel societano, sed ankaŭ kiel financanto de diversaj kulturaj entreprenoj slovakaj. Post-milite li revenis hejmen al Slovakujo en Ĉeĥoslovakan Respublikon. Pri lia arto ni konstatas, ke lia-tempe regis la secesia stilo, tial la konstruaĵoj de Harminc portas sur si ties signojn. Sed postmilite li konstruis en stilo moderna. Pli ol cento da diversaj preĝejoj laŭ liaj projektoj estis konstruitaj en Slovakujo, Hungario kaj Jugoslavio. Milan Harminc nun loĝas kaj laboras en Bratislava.

La jaro 1918 estis la plej bela kaj plej memorinda jaro por la slovaka popolo, ĉar ĝiafine ĝi reakiris sian liberecon. Tiu ĉi jaro estis ĝia renaskiĝo. Post jarcentaj klopodoj ĝi povis rekomenci novan vivon tieĩ sur kampo politika kiel ankaŭ kultura. Por slovakaj arto kaj artistoj komenciĝis renesanco. Venis la delonge sopirata momento, kiam por la slovaka infanaro kaj junularo malfermiĝis ĉiuspecaj lernejoj kies instrulingvo estis la patrina lingvo de la slovaka lernantaro. Multaj artistoj eĉ neartistoj, kiuj studis ĝis tiam eksterlande, revenis hejmen por fini la studojn ĉi tie. Tiel plimultiĝis nialande inteligentularo diversspeca, ne esceptante la artistojn. *(Finota.)*

# Parolas la redakcio

Karaj legantoj,

ES sufiĉe malfruiĝis, kaj eĉ du foje sinsekve. La kialoj estas pluraj. Tamen la fakto, ke vi tenas en viaj manoj novan kajeron pruvas, ke ES intencas obstine daŭrigi sian ekziston.

La sekvontaj n-roj (por novembro kaj decembro 1950) aperos kiel duobla kajero, dediĉita al la admirindaj belaĵoj de la grotoj en Slovakio. Tamen, ankaŭ en tiu ĉi okazo ni jam anticipe devas peti vin pri pardono, ĉar ankaŭ tiu ĉi n-ro aperos malfrue. La kialo estas pure teknika: al la teksto estos almetita ampleksa bilda parto, presita per la metodo de heliogravuro; kaj neniu el la presejoj, kapablaj presi ĝin, povas akcepti la pretigon de tiu ĉi bilda parto antaŭ 1. 1. 1951. Tiel okazos, ke vi ricevos la „grotan" n-ron de ES nur en februaro 1951. Ni ekspedos ĝin kune kun la 2-a (februara) n-ro de la jarkolekto 1951, sed — kompreneble — nur al tiuj, kiuj pagos ĝis tiam sian abonkotizon. Ni dankas al vi ĉiuj jam nun por via pacienco, kiu ĉi-foje estos rekompencita per belega n-ro de nia gazeto.

Ĉeĥoslovakiaj gesamideanoj,

ne forgesu tuj renovigi la antaŭpagon de ES por viaj eksterlandaj amikoj. Se ili ankoraŭ ne konas nian gazeton, jen la bona okazo aboni ĝin al ili. Ĉiu nova abonanto, por kiu vi pagos, ricevos senpage ankaŭ la duoblan „grotan" kajeron!

Eksterlandaj legantoj,

por kiuj la abonon ne pagis ilia ĉeĥoslovakia korespondanto, afable pagu la abonon ĉe sialanda reprezentanto de ES — aŭ se tia ne ekzistas en ilia lando, ĉe UEA.

Kunlaboru kun „Esperantisto Slovaka". Ni precipe bezonas originalajn atrikolojn pri la movado (ĝenerale), artikolojn pri nia lingvo kaj pri problemoj de esperantismo ĝenerale kaj (laŭ lingvo vidpunkto de kaj enhavo) bonajn tradukojn el ĉiuj literaturoj.

Ni atentigas, ke ne estas eble sendandi ES al Hispanujo, Portugalujo, la okcidentaj zonoj de Germanio kaj Jugoslavio.

Jam du foje ni admonis la nepagemajn (sed nian gazeton tamen ricevemajn) legantojn pri ilia devo pagi la abonon. Proksimiĝas la jarfino — ĉu vi volas eniri la novan jaron kun ŝuldo kontraŭ ES, via plej bona amiko? Malfruiĝintoj, pagu la abonon ankoraŭ hodiaŭ! Se niaj admonoj restos sen efiko, ni estos devigitaj uzi pli radikalajn metodojn por ricevi la abonkotizon.

Anoncu al ni tuj ĉiun daŭran ŝanĝon de adreso, nomo, profesio ktp., ke ni povu liveradi al vi ES sen interrompo. Dankon!

*

Post kelkmonata laboro inter la slovaka esperantistaro s-ano *Karlo Šolc*, Ĉe-metoda instruisto de Esperanto forlasis Slovakion. Dum sia ĉeesto inter ni li gvidis nombrajn kursojn (precipe en la regionoj de Altaj Tatroj kaj Žilina) kaj instruis ankaŭ en la Somera Kolegio de Esperanto en Svit. Per sia alloga instru-metodo, sindono al nia afero kaj persona sincereco li fariĝis ĉie tre populara kaj ŝatata kaj trovis nombrajn amikojn. Ni esperas, ke li iam revenos inter nin.

Do, ĝis tiam DANKON, s-ano Šolc — kaj ĜIS REVIDO!

*I. Schoon:*

# TOUR DE FRANCE

(konkura biciklado tra Francujo).

Estis io, kio ĉiam ĝenis sinjoron Henri Desgrange: la biciklo-fabrikistoj, kiuj laŭ lia opinio havis tro grandan influon en la konkuro. Tial li abrupte forigis ilian konekton kaj en 1930 la unuan fojon aperis ĉe la startejo land-grupoj. La biciklistoj devis veturi sur bicikloj senmarkaj. Kompreneble, tio ĉi estus kaŭzinta al Desgrange financan malprofiton, tial li permesis al la komercistoj kunveturi en reklamveturiloj, atentitigantaj ĉiun pri la speciala sapo-marko, per kiu la biciklisto N. N. post la plej kota etapo ĉiam sin lavas, kaj tial li denove tuj estas „sinjoro“; pri la bonkvalitaj sporttrikotoj, kiuj tiel bone sidas kaj beligas la glorkronon portantan bicikliston X. X. — jen la surstrate kuŝanta mono, kiun Henri Desgrange sufiĉe grandkvante sciis „lev-preni“!

Ankaŭ io alia tute maliĝis. La atenta legant(in)o certe memoras, ke komence multaj urbestroj malpermesis konkuri tra sia urbo aŭ vilaĝo. Sed iom post iom la trairo de konkur-karavano fariĝis tre sopirata honoro! Kaj la „monfaristo“ opiniis, ke la urboj devas kontribui almenaŭ iom al la vere kolosaj elspezoj de la konkurado.

Ĉi-jare forlasis Parizon kvin naciaj grupoj po ok biciklistoj krom ankoraŭ 60 t. n. turistoj. En la komencaj jaroj la venkantoj ĉiam gravtempospace antaŭis la aliajn, sed iom post iom tio malpliiĝis, la fortoj samniveliĝis, kvankam restadis, kompreneble, ankoraŭ superuloj.

La .„Tour“ de 1931 vidigis tre akran lukton inter belgoj kaj italoj, tamen venkis Antonio Magne tre honorplene, veturinte kiel diablo.

En la jaro 1935 aperis ĉe la startejo tri famuloj: Antonio Magne, André Leducq kaj Georges Speicher. Kune ili venkis jam kvinfoje. — En tiu ĉi etapo oni veturis multajn duonetapojn „kontraŭ la horloĝo“. Tiel oni kaptis ĉe freŝa ago iun bicikliston, kiu — kiel trapezisto povis pendi je siaj dentoj — tirigis sin per motorbiciklo, tenante fer-draton en la buŝo. En la konkuro venkis la malgranda, sed fortmuskola belgo Romain Maes. Antonio Magne estis baldaŭ eksterlukte, ĉar la sekvantaj aŭtomobiloj interpremiĝis kaj vundis lin. En unu el la etapoj la temperaturo fariĝis tiel varmega, ke la konkurantoj ĉie debicikliĝis por malsekigi sin per akvo. Tamen unu el ili senhalte veturadis. Estis Marviel, jam baldaŭ

havanta pli ol 20-minutan antaŭecon. Sed sur iu strato la sunlumo blindigis lin tiel, ke li en plena rapideco veturis kontraŭ ĉaron plenan da ligno. Li estis transportita en malsanulejon. — En la etapo de Pau al Bordeaux estis infera varmego, por ĉiu vera torturo. La ruza Julien Moineau ordonis ĉie ajn proponi botelojn da „refreŝiga" biero al la duonsvenantaj konkurantoj. La biero montriĝis esti tentaĵo nekontraŭluktebla . . . kaj Moineau unua alvenis en Bordeaux.

Cetere biero ludis rolon ankaŭ unu jaron pli poste, kiam Antonio Magne fariĝis ĝia viktimo. Tridek km antaŭ la finloko iu poŝtisto ĵetis botelon da biero al la konkuristo, veturanta antaŭ Magne, sed tiu ne sukcesis kapti ĝin, la botelo surtere dispeciĝis kaj la aertuboj de Magne tute detruiĝis.

La sekvinta etapo finiĝis eksterordinare strange. Dum la franco Ducazeau kaj la luksemburgano Mersch kiel unuaj rapidegis al la finloko, el la komitato de premiado ĉeestis neniu, ĉar pro fatala koincido de diversaj cirkonstancoj neniu komitatano atingis ĝustatempe la finejon.

La lastan alineon mi preskaŭ laŭvorte tradukas el nederlanda gazeto. Ĝi temas pri „Tour" 1949:

„. . . ĝi finiĝis. Dimanĉtagmeze, post preskaŭ 11-hora suferado en la lasta etapo, la lacega karavano ruliĝis en Parizon. Unue por akcepti la meritian honoradon de sportiva Parizo, due por fari bilancon pri la 21 etapoj. Ne nur la bilancon de la peze perlaboritaj frankoj kaj per la veturado akiritaj bonegaj kontraktoj, sed ankaŭ de la dispecigitaj biciklotuboj, por ne paroli pri forŝiritaj bufroj de la sekvadantaj aŭtomobiloj, pri dispecigitaj vitraĵoj, detruitaj motoroj kaj sennombraj enpremaĵoj en bicikloj, aŭtomobiloj kaj homoj. Kiel tio fariĝis kutimo ĉe armeoj, la „Tour"-armeo revenis en sian elirpunkton, postlasante siajn malsanulojn, vunditojn kaj parton de la materialo, kiun oni povas retrovi laŭlonge de la vojoj, en la ravinoj de Alpoj ktp. — Malnoviĝinta rustaĵaro! . . . Al la 54 restintaj rapidbiciklistoj (el 120) Parizo „ŝmiris balzamom sur la vundojn", alivorte per ĝiaj entuziasmo kaj honorado ĝi plidolĉigis multe da amaraj spertoj. El ĉi lastaj ni nur nomu la okazintaĵojn sur la itala tero, kie (en Aosta) la itala publiko ĵetrompis la aŭtomobilvitrojn . . . en Aosta, kies enloĝantoj incitegis kaj insultis ĉiujn neitalajn biciklistojn en la plej elokventa parolita itala lingvo. Tie precipe suferis la obstina montgrimpanto (perbicikla) Jean Robic kaj la fortega montakatanto Apo Lazaridés el Riviera. Sed inter Lausanne kaj Nancy la

italaj veturistoj estis devigitaj trasuferi la venĝon. La „granda“ Coppi ricevis maturegan tomaton sur siajn kontraŭpolvajn okulvitrojn; al Rosello oni kraĉis en la vizaĝon, al Corriere oni ĵetis anstataŭ floroj terbulojn! Kompreneble tion ne povis toleri Alfredo Binda: li iris al la „Tourestro“ Jaques Goddet por protesti.

— Se vi ne aranĝos, ke dum la lastaj du etapoj veturu motorpolicano flanke de ĉiu itala biciklisto, kiel gardisto, vi festu en Parizo sen la tuta Squadra Azzura! . . .

Kion fari? Goddet senkondiĉe cedis al la ultimato: imagu nur la alvenon en Parizon sen la venkintoj! Tiam prefere „korpogardistaro“! Por pruvi, ke sporto interfratiĝas?!“

Ni nur aldonu, ke la okazintaĵoj dum la konkuroj ne ŝanĝiĝis grave!

(Fino.)

# Alvoko el malproksima Oriento

Ĉina Esperanto-Ligo post longtempa preparado oficiale fondiĝos la 7-an de februaro 1951, kiam okazos en Peking grandioza kongreso de la esperantistoj de Ĉinio.

Ĉe la fondiĝo de nia Ligo ni aranĝos grandan Esperantan ekspozicion en Peking. Ni petas vin, karaj gesamideanoj, sendu al ni diversajn materialojn, ekz. Esperantajn librojn, gazetojn (nove eldonitajn), memorigajn poŝtmarkojn (por Esperanto), fotojn (pri gravaj okazintaĵoj, popolaj moroj, Esperantaj kongresoj, grupoj, ekspozicioj, ekskursoj, ktp). Ni ankaŭ ĝojus ricevi materialojn en nacia lingvo pri Esperanto kondiĉe ke ili estus sekvataj de Esperanta klarigo. Ni rekompecos vin per Esperantaĵoj laŭ la valoro de viaj sendaĵoj.

Krome, ni petas vin sendi al ni grandnombre salutleterojn por la fondiĝo de nia Ligo, kiun partoprenos ankaŭ neesperantistaj gastoj kaj registaraj reprezentantoj.

Karaj gesamideanoj, bonvole akceptu niajn suprediritajn du petojn: „Sendu al ni materialojn por nia okazonta ekspozicio kaj sendu al ni salutleterojn por la fondiĝo de nia Ligo“. Per viaj sendaĵoj vi multe helpos la kreskadon de nia movado. *La sukceso de Esperanto en Ĉinio signifas ĝian sukceson en la tuta mondo!*

Ĉion sendu al ni tuj, ĉar la poŝtvojaĝo inter via kaj nia landoj bezonas ĉirkaŭ du monatojn. Pli malfrue, viaj sendaĵoj ne povus atingi nin ĝustatempe kaj malplivaloriĝus.

Kun dankemo ni salutas vin samideane

ĈINA ESPERANTO-LIGO
P. O. Kesto 77, PEKING, Ĉinio.

## *S-ano RUDOLF HROMADA sesdekjara*

*Li naskiĝis en Praha la 9-an de novembro 1890, esperantiĝis en 1907. Li estas unu el la plej malnovaj vivantaj Esperanto-pioniroj en ČSR kaj unu el la plej gravaj aktivuloj en nia movado enlanda kaj internacia, eminenta lingvisto, tradukanto, verkanto, preleganto kunlaboranto en la radio, eldoninto de gazetoj, kunfondinto de Ĉeĥoslovaka Asocio Esperantista, aŭtoro de vortaroj ktp., nun vicprezidanto de EAČSR.*

*Ni salutas lin sincere kaj deziras al li multajn pliajn jarojn!*

---

### KULTURA „REVUO" DENOVE APERAS.

„Kultura Revuo, oficiala eldonaĵo de la Komisiitejo por informoj kaj klerigo denove aperas post paŭzo, kaŭzita de interna reorganizo. La ekstera aranĝo de la KR estas pli plaĉa, la multobliga tekniko pli perfekta. Kiel antaŭe, KR alportas artikolojn kaj sciigojn pri la kultura progreso de Slovakio en popoldemokrata Ĉeĥoslovaka Respubliko. Tamen anstataŭ monate ĝi nun aperas *dusemajne* kaj do estas pli aktuala. En ĉiu n-ro troviĝas ankaŭ fragmento el iu nova originala libro.

La artikoj kaj sciigoj el KR estas libere represeblaj kaj alimeniere uzeblaj; ja al redakcioj kaj aliaj seriozaj interesuloj la eldonejo eĉ liveras bildmaterialon al unuopaj artikoloj.

„Kultura Revuo" estas sendata senpage al tiuj eksterlandanoj, kiuj skribe petas ĝin. La adreso: *Kultura Revuo*, Bratislava, Októbrové námestie 12, Ĉeĥoslovakio.

(La redakcioj de aliaj E-periodaĵoj estas petataj represi tiun ĉi informon. Koran dankon!)

36-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO okazos en Munkeno (München), Germanio (usona zono) la 4-an — 11-an de aŭg. 1951.

### PERSONAJ SCIIGOJ

GEEDZIĜOJ.

S-anino *Nora Havasová,* revizorino de SES, kaj s-ro *Gejza Vörösmarthy,* la 5-an de sept. 1950 en Dyčka.

S-anino *Mária Buday* kaj s-ano *JUC Imro Havas,* sekretario de SES, la 28-an de okt. 1950 en Bratislava.

S-anino *Mária Rosová* kaj s ro *Inĝ. Dušan Hrivnák,* la 28-an de okt. 1950 en Bratislava.

Niajn sincerajn bondezirojn al la novaj paroj!

ESPERANTA GEEDZIĜO.

La 19-an de julio 1950 okazis esperantista kaj Esperanta geedziĝo en Čečejovce. Ges-anoj *Vilma Železňáková* kaj *Eugen Matirko,* ambaŭ el Košice, ĵuris al si dumvivan fidelecon. Ceremoniis kaj Esperante predikis la loka pastro, s-ano J. Sedlák. La atestantoj ankaŭ estis samideanoj. Antaŭ la preĝejo kaj, dum la edziĝfesto infanĥoro kantis esperantlingve. La solenaĵo estis por ĉiuj kortuŝa kaj al la neesperantistoj ĝi montris nian vivkapablon. Post la geedziĝo diris la kortuŝita nov-edzino: „Mi estas tre feliĉa, ke mi povis komenci mian familian vivon Esperante kaj promesas eduki miajn infanojn tiel, ke nia familio estu vere esperantista."

# Du regionaj kunvenoj

VESELÍ NAD MORAVOU

La 20-an de aŭg. 1950 okazis en Veselí n/Moravou amika regiona kunveno de esperantistoj. Partoprenis ĝin 55 ges-anoj, inter ili 13 el Slovakio.

En la labora parto de la kunveno, por kiu estis (bedaŭrindege!) dispone nur 1 kaj 1/2 horo, estis legitaj eroj el la historio de la E-movado en Veselí kaj ĉirkaŭaĵo kaj priparolitaj kelkaj problemoj, inter kiuj la plej gravaj estis: kiel ofte okazigi regionajn kunvenojn, okazigo de vintra E-kolegio kaj la propono starigi amikajn patronecojn inter moraviaj kaj slovakiaj E-grupoj.

La amuza parto de la RK konsistis el agrabla per-aŭtobusa ekskurso al la pli ol 1000 jarojn malnova kastelo Buchlov kaj al Velehrad.

Tiu ĉi regiona kunveno, kiu estis vere manifestacio de amikeco inter la slovakaj kaj moravi-slovakiaj esperantistoj, estis nombre salutita el en- kaj eksterlando (14 landoj). Pro tempomanko ĝi ne donis grandan laborrezulton, sed ĝi estis agrabla okazo interkonatiĝi kaj pasigi kelkajn horojn en agrabla Esp-a medio. Ĉiuj revenis el Veselí kun ĝoja rememoro.

MARTIN-VRÚTKY

La 8-an de okt. 1950 okazis en Martin-Vrútky Regiona kunveno de la esperantistoj el la regiono de Žilina. La kunveno estis antaŭ ĉio labora kaj partoprenis ĝin 38 gesamideanoj, inter ili ankaŭ s-ano Fr. Pytloun el Hradec Králové kiel reprezentanto de EAČSR.

Post la salutparoloj kaj raportoj pri la situacio de la movado en ČSR ĝenerale kaj en la regiono de Žilina speciale estis debato pri organizaj problemoj. La rezulto de la debato estis elekto de novaj perantoj en Ružomberok (dipe), Martin (lope), Martin-Vrútky (lope) kaj repe por la regiono de Žilina.

La kunveno akceptis porpacan rezolucion, kiu subtenas la stokholman rezolucion kaj samtempe rifuzas ĉiun specon de milito. Same estis sendita al la Ĉeĥoslovaka Radio letero postulanta re-enkondukon de Esp-aj programoj, ĉesigitaj antaŭ nelonge.

Post konigo de la laborprogramo de la nove fondita LG en Martin-Vrútky estis akceptita la propono, ke la venonta RK okazu en Žilina, proksimume fine de januaro.

La RK, kiu estis bone organizita kaj okazis laŭplane, donis multajn spertojn por organizado de similaj kunvenoj. La novefondita LG en Martin-Vrútky per tiu ĉi RK prezentis sin al la verda publiko kaj montris sian intencon ne resti la lasta en laboro.

ŽILINA. La 29-an de okt. 1950 okazis en Žilina kursfina kunveno, okaze de kiu estis fondita Esperanto-sekcio ĉe la entreprena grupo de ČSM ĉe „Slovena", nacia entrepreno. La novan grupon (al kiu tamen apartenas ankaŭ pli aĝaj plenkreskuloj) gvidas jena komitato: prez. *Miro Závodský,* sekr. *Jozef Pilek,* kas. *Dagmar Marková,* protokol. *Pavol Kardoš.* Kunvenoj okazas ĉiuĵaŭde je la 19.00-a horo en la klubejo de la stadiono Sokol Slovena. Adreso por kluba poŝto: *Miro Závodský,* Žilina, Závodie 197.

Okaze de la kunveno adiaŭis la kunvenintoj s-anon K. Šolc, kiu forlasis Slovakion.

## EL ESPERANTUJO

35-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO, kiu okazis en aŭgusto en Parizo, estis sukcesego. Partoprenis ĝin 2325 delegitoj el 36 landoj. La kongreso estis antaŭ ĉio labora. Ĉiuj entreprenoj, ĉu laboraj aŭ amuzaj, estis bonege vizititaj.

La 35-a UK denove pruvis, ke Esperanto, la sola funkcianta internacia lingvo, moderna kaj viva, jam hodiaŭ perfekte kaj brile servas al centmiloj da tiuj, kiuj dum 63 jaroj per nelacigebla laboro kreis el projekto originalan, kompletan, precizan kaj riĉan lingvon, ĉiam pretan je dispono al la tuta homaro por grandskala disvastiĝo postkiam la homaro plene maturiĝos por ĝi.

JARLIBRO DE U. E. A. 1950: La unua parto (247 pĝ.) aperis printempe kiel kutime kaj enhavis la adresaron de delegitoj kaj diversajn informojn pri la strukturo de niaj movadoj naciaj kaj internacia. La dua parto ĵus aperinta (48 pĝ.) estas dediĉita al resuma raporto pri la progresoj de Esperanto dum la pasinta jaro kaj al la dua parto de la Marista terminaro. La kutima alplenigo al la listo de delegitoj mankas, ĉar la unua parto de la Jarlibro 1951 aperos jam en januaro 1951.

La UEA Jarlibro estas neaĉetebla, liverata nur al individuaj membroj de UEA.

## ANONCETOJ

(Klarigon de mallongigoj vidu sur paĝo 143!)

S-ro Maurice *Cézar*, VILLEBAROU, (Loir-et-Cher), Francio, dez. kor. kun ges-anoj el Svedlando, Norvegio, Finnlando kaj ČSR. Rc!

20 *gelernantoj* de la Esperanto-grupo en Blois (Francio) deziras korespondi. Skribu el ĉiuj landoj. Adreso: S-ro Maurice *Cézar*, VILLEBAROU (Loir-et-Cher), Francio. Rc!

S-ro Antonín *Luzar*, KYJOVICE ve Slezsku, ČSR, dez. kor. pri ĉ. t. kaj iŝ. pk. kaj prospektojn. Rc!

S-ro Gustáv *Rumánek*, peltisto, NOVE MESTO NAD VÁHOM, ČSR-Slovakio, dez. kor. kun ĉ. l.



**ESPERANTISTO SLOVAKA** (adresa: Turč. Sv. Martin), časopis Slov. esperantského ústavu, vychádza mesačne. Zakladateľ A. Váňa. — Redigujú: E. V. Tvarožek a zodp. zástupca Dr. Ľ. Izák. — Predplatné na rok Kčs 70.—, do cudziny Kčs 80.—. — Účet Pošt. sporit.: S-9615, Slov. esperantský ústav. Turč. Sv. Martin. — Novin. výplatné pov. Riad. pôšt pod číslom 22.857-I.-1948. Dozorný a podací pošt. úrad Turč. Sv. Martin. — Výmer PIO č. 27.407/49-III/2.

**ESPERANTISTO SLOVAKA** (adreso: T. S. Martin, ČSR-Slovakio), organo de Slovaka Esperanto-Instituto, aperas monate. Fondinto A. Váňa. — Redaktas: E. V. Tvarožek kaj la respondeca reprezentanto D-ro. Ludoviko Izák. — Abonprezo por eksterlando: 16 respondkupoñoj aŭ egalvaloro en Esperantaj libroj.

Tlačiareň — Presejo: TATRAN (KÚS), T. S. Martin.